2.ª Ep. AÑO VI N.° 29 (165) - ENERO - FEBRERO 1968




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# MADRID KONGRESURBO POR 1968

Kongresejo de la
53ª Universala Kongreso de Esperanto

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.º ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.

Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.



## De secretaría

Si desde que empezamos nuestra labor como directivos de la Federación siempre hemos tenido que agradecer —y hemos agradecido—, la adhesión y confianza que nos han demostrado los miembros de la misma. Ahora, no queremos dejar de manifestar nuestro agradecimiento públicamente, ya que, sobre todo, desde los últimos días del recién terminado año 1967, no pasa día sin que se reciban cartas de adhesión a la Directiva de la Federación en general y a nuestro Presidente en particular; cartas, que son expresión del agradecimiento, respeto y cariño que nuestro Presidente merece.

En nombre de la Directiva: MUCHAS GRACIAS.

—o—

Pasan de 200 los esperantistas españoles que se han inscrito al 53 Congreso Universal de Esperanto, durante el primer período, finalizado en 31 de diciembre. A todos ellos enhorabuena por su prontiud y nuestro agradecimiento, ya que con ella facilitan la labor del Comité Local Organizador. Es de esperar que en los períodos sucesivos, alcanzaremos, por lo menos, la misma cifra que en el primero.

—o—

Recuerdo a todos los federados que no hayan pagado su cotización para 1968, que este año el número de BOLETIN que se enviará contra reembolso de la misma, será el correspondinte a los meses marzo-abril, o sea el próximo.

MENDU JAM:

| | | |
|---|---|---|
| Belajn glumarkojn de la 53-a U.K., folio 10 glm. | 8,— | ptojn. |
| Plurkolorajn bildkartojn «Nia Sinjorino de la Espero», unu ekz. | 3,— | » |
| Bildkartojn «Patro nia» unu ekz. | 2,— | » |
| Poŝtkartojn kun Esperanto-alegorio, deko | 6,— | » |
| Kovertojn kun la teksto «Esperanto, la Lengua Internacional, deko | 5,— | » |
| Insignojn (rondaj kaj stelformaj, pinglaj kaj butonaj), unu | 8,— | » |
| Insignojn kun teksto Esperanto parolata (pinglaj) | 35,— | » |
| Afiŝetojn kun teksto Esperanto parolata (glueblaj) | 14,— | » |
| Insignojn ovalajn, rondajn kaj stelformajn (glueblaj), unu | 8,— | » |



*Unueco...*
*Jen vorto kies signifo estas*
*ĉiam tiel aktuala kiel necesa.*

† *S. Alberich Jofré*

De l'momento kiam la interhoma mortigado ĉesis kaj sur la sangokovritaj kampoj de Mezeŭropo la raŭkaj teruraj pafiloj fariĝis silentaj, nia verda standardo denove potenciĝante, purigante la mortsaturitan aeron, ekflagris tra la tuta mondo dum nia koro, plene apartenanta al la sankta esperantismo, malfermiĝis al esperoj kaj ree la estonton ni ekvidis nia.

Hardita, forĝita sur pura amboso, el plej valora ŝtalo ellaborita, nia komuna lingvo kun sukceso travivis la ventegon, kiu bedaŭrinde forprenis el nia rondo neanstataŭeblajn kunbatalantojn, kaj vekante ĉiujn fidelulojn instigis nin al la laboro.

Iom post iom ĉiu posteno akiris defendanton, ĉiu grupo, ĉiu esperantisto reviglîĝis kaj ĝenerale la tuta afero fariĝis grava kiel dum la antaŭmilita periodo, dum kiu konstante novaj adeptoj estis varbataj al niaj vicoj, certe ne multnombraj, tamen atentindaj pro ilia morala kvalito.

Kiel ĉiuj organizaĵoj kun internaciaj celoj, nia Federacio pro la milita skuo ankaŭ suferis la rezultatojn de la tutmonda konfuzo kaj sekve tiel same fariĝis preskaŭ senmova. Sed la intensa klopodado ĉie videbliĝanta postulis unuecon kaj ni neniom hezitis restarigi la disfalintajn fundamentojn por havi konstruaĵon ĉirkaŭ kiu grupiĝos niaj esperoj, kiuj poste danke al plena kunlaborado fariĝos realaĵoj, atingeblaj per la forto de nia konvinko kaj obstino de nia senĉesa laborado.

Ke ĉiu samideano venu al ni, ke ĉiu kunbatalanto alportu sian sableron kaj ni estas certaj, ke ni grupigos grandan nombron da esperantistoj, el kies unueco nia movado eltiros grandan profiton kaj progresos pli ol iam.

Duboj, supozoj aŭ opinioj ke Federacio ne iras trafan vojon, ke ĝi sin regas per arĥaika regularo, malaperu el ni, kaj anstataŭe ni interligu niajn fortojn, ni kuniĝu laŭ federacia sistemo, kiun ni opinias plej taŭga, tamen ni ne atendu restante flanke de la organizaĵo ĝis tiu ĉi per si men alkonformiĝos al nia privata opinio, sed tuj partoprenu ĝin por veki aktivecon kaj samtempe montru dum la kunagado ŝanĝojn enkondukindajn kaj vojojn ne iritajn ankoraŭ.

Nia lando estis ĉiam la avangardo de esperantismo en Iberio kaj sekve ni kuraĝas aserti, ke nia nuntempa nombro da federacianoj, certe tre grava jam, tre facile kvinobliĝus, se nur iom da persona konstanteco en la propagando por absoluta unueco streĉiĝus pli kaj pli kaj antaŭjuĝoj estus forĵetitaj por ĉiam, oferante niajn energiojn por la sankta idealo, kiun la Majstro tiel trafe sciis vibrigi en la fibroj de nia koro.

Tre ampleksa estas la laboro farota kaj kun plezuro ni komencis ĝian plenumon por atingi maksimuman forton. Peza tasko estas tiu de la Direkta Komitato sed ĝi antaŭ ĉio bone zorgu vigligi ĉiun grupon ekzistantan, ĝi alportu sian helpon al ĉiu urbeto kaj vilaĝo, ĉar nur kiam la grupoj atingas rimarkindan antaŭeniron kaj libere povas disvolviĝadi la potenco de federacio, sub la sankcio de la aliĝintoj, fariĝas frapa kaj impona por entrepreni seriozajn problemojn, kiujn ne sukcesus gvidi iu aparta senfundamenta grupiĝo de kelkaj personoj kun difinita celo sed sen efektiva valoro.

Ni volas havi ĉiujn ĉirkaŭ ni kaj ni reciproke devas esti apud ĉiuj por ke la baldaŭ okazontaj elmontroj de nia movado en *Zaragoza kaj Girona estu brilaj, kuraĝigaj kaj fruktodonaj pruvoj, ke nia fervoreco estas neelĉerpebla.

Ni ne riskos malsukceson se oni ĝuste komprenos nian alvokon, kies esencon oni objektive konsciu kaj pesu larĝanime sen personaj konsideroj, antaŭ kiuj ni metu ĉiam nian edifan senmakulan celon.

* Ĉijare Madrid kaj Tarragona.

Aleksandro Rodriguez Alvarez, kies literatura pseŭdonimo estis Aleksandro Casona, forpasis antaŭ du jaroj en Madrido. Lastatempe, li estis la plej grava hispana dramisto. En 1934 li licenciĝis pri Pedagogio, iĝante instruisto en vilaĝeto de la Valo d'Aran. Mergita en la poezia paco de tiu multvalora kampara scenejo, je la sama jaro, li atingis la Nacian Premion pri Literaturo, pro lia verko «Floro el legendoj». Casona naskiĝis en la vilaĝo Besullo, situanta en la brava regiono: Asturio. Poste, li partoprenis ankaŭ la Premion Lope de Vega pri dramaturgio, starigita de la Madrida Konsilantaro, kiun li trafis per la verko «La Sireno sursabligita». De tiam, malfermiĝis vasta horizonto antaŭ li: oni konfidis la gvidadon de la «Popola Teatro» al li; dum du jaroj li trairis la tutan Hispanion kiel artopedagoga sendito. Lia nova teatra komedio grandsukcese debutis «Alian fojon la diablo», verke forĝita en la pitoreska natura panoramo de la valo. Ja absoluta majstro pri teatrarto, li konstante verkas eksterordinarajn kvalitajn juvelojn. «Nia nataĉa» superas liajn antaŭajn kreitaĵojn.

Tiam, bedaŭrinda evento eksplodas: la tragedia hispana milito. Tiu sanga epoko estis ne taŭga por literatura kreado. Casona estis devigata elmigri en Sudan Amerikon. Li loĝis kelkajn jarojn en Buenos Ajreso, kie, post apatia periodo, denove batalis plume, kaj en la argentina ĉefurbo, je la jaro 1944, oni teatroludis lian novan verkon «La Sinjorino de la tagiĝo». Nur post pli ol 20 jaroj, Casona reaperas en Hispanujo. Recenzistoj kaj publiko sin montras senkondiĉaj fervoruloj. Li atingis alian Premion kreitan de la Gazetara Asocio de Barcelono dank'al la verko «La boato sen fiŝkaptisto».

Freŝaj artaj teatraĵoj estis publikataj: «La arboj mortas starante», «La sepbalkona domo»... Je la komenco de 1965a, la aŭtoro sin sentas iom malsana. Kelkajn tagojn antaŭ lia forpaso, en la Teatro Lara de Madrido, estis ludata lian lastan teatraĵon «La tri perfektaj edzinoj», kiu broĉofermas lian superban klasikan verkaron, kiel arta testamento oferita al la Beletro kun lia fleksebla kastililingva esprimkapablo.

La Parcoj per la falĉilego tranĉis la fadenon de la vivo al Casona, kiam li ĝuis la prestiĝan aromon de la gloro.

**P. NUEZ**

Se la danco estas ĉie arto, en Hispanujo ĝi estas elmontraĵo de vivo, Nenio estas pli ofta ol vidi paron de gejunuloj, kiu dancas rimante siajn paŝojn al la krakoj de iliaj fingroj, kiuj anstataŭas la «kaŝtanetojn». La dancoj konservas tie-ĉi sian praan spontanecon, ĝi ne estas la mekanika ripetado de paŝo imagata de iu ajn dancinstruisto, sed la superverŝo de ne haltigebla vivforto.

Dum la ĉi lastaj jaroj la porfolklora movado vigle disvolviĝis en la Hispana duoninsulo impulsata de la iniciativo de la Virina Fako el 1939. La dancistaj kaj kantistaj grupoj multiĝis dank' al jaraj konkursoj organizataj de la Virina Fako, al kiuj la partoprenantoj venas el la vilaĝoj kaj lokoj plej malproksimaj de la lando. La plej bonaj el tiuj grupoj travojaĝis la mondon: tutan Amerikon, Anglujon, Portugalujon, Francujon, Grekujon, Svisujon, Italujon, Nederlandon, Belgujon, Germanujon kaj la landojn de Proksima Oriento. Ĉie oni ilin aplaŭdis, mirigite pro la malkovro de senegala arto.

Tio, kio unue surprizas la ĉeestanton de tiu spektaklo, estas la nekomparebla varieco de la Hispana folkloro. Ĉiu provinco havas siajn kostumojn kaj vestojn, siajn dancojn kaj sian muzikon, tutdiferencajn el la ceteraj. Tio reflektas, pli bone ol povus fari iu ajn instruiteca analizo, la animon de ĉiu provinco.

La «Jota» Aragona de diabla ritmo, akompanata de vira kaj bela kanto, estas la esprimo de vigla kaj iam obstina popolo, kiu finite la akra laboro, sin lasas porti de la ĝojo:

> Kiu ne kantas la «jota»n
> naskiĝinte en Aragono
> aŭ li naskiĝis mutulo,
> aŭ li ne posedas koron.

Tiuj ĉi karakteroj sanĝas kiam aperas la Katalunaj gedancantoj kaj ilia «Cobla» estas orkestro konsistanta el akresona fluto, «la tenora», el piŝta korneto, el trombono, el tamburo kaj el kontrabaso. Tial ĝi estas sufiĉe laŭtbrua. Por kompreni tian iom strangan konsiston, necesas rememori, ke ĝi estas ordigita por la popolaj festoj, kie centoj da junaj viroj kaj virinoj krias, kantas kaj ridas malkviete. La Kataluna danco, krom la gaja «Sardana» estas pli malrapida kaj gracia ol la «jota».

Poste aperas la Vaskoj, kaj ja estas nova pentraĵo. La Gipuzkoaninoj kun siaj ruĝaj nigre borderataj jupoj kaj siaj blankaj korsaĵoj saltas per kata facileco dum akra fluto la «chistu» kaj tamburo akompanas la dancon.

Malsamaj ankaŭ estas la knabinoj de Galico, milda kaj malseka regiono, samkiel Bretonujo kaj Nederlando, kie la tipa muzikilo «gaita» rememorigas keltan parencecon. Sed, se oni vidas danci la gajan «Muiñeira»n, oni konas ke la influo estas suda, infiltrata en tiun medion por doni al ĝi plian ĝojon.

La aliaj grupoj alportas ĉiuj la profundan originalecon de iliaj popoloj. La



Nia neforgesebla s-ano. J. Grau Casas pravis kiam li asertis: «La Sardana» estas iom esperantista. ...Sur gracia, gaja fundamento — Manprenante unu la alian — La dancantoj faras en konsento — Unu grandan rondon familian.

Kastilaj knabinoj, per sia sobra kanto, serioza, nobla sinteno, samtempe gaja kaj preskaŭ sakra en siaj dancoj. Tiuj de Ekstremadura, kiuj montras, ĉu per la kantoj, ĉu per la vestoj, kuriozan sintezon de Hispanaj kaj Portugalaj elementoj.

La Andalucianinoj, ankoraŭ enpenetrataj de islamaj influoj. Por multaj fremduloj la Hispana danco estas ĉefe, la Andalucia danco, same el la Hispana dancistino estas la bela brunulino, kiu, kun la rideto en la lipoj, la korpo vibranta kaj la altigitaj brakoj komencas «Flamencan» dancon. Tiu koncepto, tre supraĵe farita, deprenas meriton de la aliaj hispanaj regionaj dancoj; sed oni ĝin komprenas pro la beleco kaj originaleco de la Andalucia regiono, kiu estas unika en Eŭropo, frukto de antikva civilizacio, malvolvita en la Hispana sudo dum la epoko de la Arabaj kalifoj. Estas neeble, por tiu kiu konas la Orienton, ne rememori la Araban kanton kiam oni aŭskultas «Malagueña» aŭ alian «cante hondo». La Hispana kanto estas pli streĉata, ĝiaj voĉoj pli longiĝitaj; sed kun la sama nostalgia fundo kaj profunda poezio. Same okazas en la danco. Kiam aperas la dancistoj de Cádiz, ornamataj de siaj grandaj vualoj por ludi la «Chocarrá» oni neresisteble rememoras la virinojn de la antikva Islamo. Kaj kiam ili dancas laŭ la ritmo de la «Castañuelas» akopanata per la nerva kaj malkvieta sono de la gitaro, la imagpovo nin kondukas al malproksima tempo, al la epoko de la Cordobaj kalifoj, kiam ili forgesis siajn zorgojn rigardante la disvolvon de tiu legenda danco·

Tio-ĉi sen fantazio, tute simplece. Eĉ unu el la gejunuloj partoprenantaj en la grupoj de Kantoj kaj Dancoj estas profesiulo. Estas inter ili studentoj, kamparanoj, laboristoj, oficistoj, familiinfanoj k.c., sen klasdiferenco, unuigitaj nur pro la deziro servi Hispanujon, montrante al la mondo la belecon de ĝiaj kantoj kaj dancoj. Kaj tiuj geknaboj dancas antaŭ ĉiaj mondpublikoj same ol ili dancas dum la festaj vesperoj en la ĉefaj placoj de iliaj vilaĝoj, en tulas la admiron de la ĉeestantoj por sia iu el tiaj placoj ĉirkaŭataj de malnovaj portikaj domoj, kie ĉiudimanĉe kunvenas la gemaljunuloj por babili kaj la gejunuloj por danci. Ilia danco ne estas modifiata de ia heterodoksa variaĵo, destinita por reliefigi la kvaliton de «stelulo». Neniu intencas elstari. Neniu posartista talento. Kiam la kurteno falos, ili kuros inter la kulisoj, babilante kvazaŭ lernantoj finintaj iliajn laborojn. Ĉiuj estos fieraj pro tio ke ili prezentis en granda urbo de kulturo kaj civilizo sian provincan arton kaj pro tio ke ili montris ke, post la serioza kaj malhela Hispanujo, kiun iaj fremduloj pensas koni, ekzistas juna kaj sana Hispanujo, kiu scipovas ridi kaj amuzi, kiel en la tempo kiam Goya reflektis en siaj tapetoj la trajtojn de popolo amanta gloron kaj vivĝojon.



«Los flamencos» dancoj «por soleares»



Mi sopire memoras la tre intiman ĝojon kiun mi sentis, kiam mi ricevis en 1930 de la Prezidanto de la Akademio, Prof. Théophile Cart, la inviton al eniro en la Lingvan Komitaton.

Ŝajnis al mi revo tia honoro, mi ne min konsideris meritanta ĝin, mi longe diskutis kun mi mem mian akcepton, tamen eble pro tio ke tiam la Interna Ideo jam komandis mian spiriton, mi plenumis miajn paperaĵajn devojn kaj transpasis la Rubikonon.

Ĉu mi venkis? Sendube· Mi daŭrigis ĝis mia akademianiĝo kaj mia memvola akademia eksiĝo, miajn komitatanajn devojn, verkante, diskutante, sekvante ĉion kun atento laŭ miaj povo kaj scio.

La afero ne ŝajnis malfacila, ĉar mia normo estis ĉiam respekti kaj respektigi la Fundamenton de Esperanto.

Mi ĉiam memoras la entuziasmon de Zamenhof, kiam tiu «skaja» saltigis al lia menso la simplan solvon de la vortara problemo.

—*Mi subite eksentis la teron sub la piedoj* —*li diris*— *la problemo estas solvita. Kaj mi komencis kompari vortojn, serĉi inter ili konstantajn, difinitajn rilatojn. Ĉiutage mi forĵetis el la vortaro novan grandan serion da vortoj, anstataŭante ĝin per unu sufikso kiu signifas certan rilaton. Mi rimarkis tiam ke tre granda amaso da vortoj pure radikaj povas esti facile transformataj en vortojn "formitajn" kaj malaperi el la vortaro.*

*La mekaniko de la lingvo estas antaŭ mi kvazaŭ sur la manplato, kaj mi komencis jam labori regule kun amo kaj espero. Baldaŭ post tio mi jam skribis tutan gramatikon kaj malgrandan vortaron.*

Tiel aperis la «FUNDAMENTO DE ESPERANTO», la estonta libro de la primaraj programoj, la mentora libro de la estontaj homoj, la unua studlibro de tiuj novaj generacioj nepre necesaj al pli humana kaj kriteria mondo. Diras la Plena Vortaro: «CIVILIZI estas morale, intelekte, socie mildigi, kulturi, klerigi, plidelikatigi barbarajn gentojn». Ĉu nia nuna gento, almenaŭ la plej multo el ĝi, ne estas barbara? Jen la rimedo: *Esperanto al la infanoj.*

Dum mia laboro kiel Komitatano kaj Akademiano (1930-1956), mi ĉiam zamenhofe opiniis neoportunaj kaj nekonvenaj, dum Esperanto ne estos oficialigita, ian ajn tuŝon en la Fundamento. Tio ofte Zamenhofon obsedis.

Do, kial fortranĉo de la cirkunfleksoj en dorlota defendo de la eldonistaj interesoj?

Kial lavango da neologismoj kontraŭstarantaj la situacion «skaja».

Kial luktoj, atencoj, perdita tempo kun niaj amikaj participoj, serĉante erarojn kie nur ekzistas bagatelaĵoj, kiujn oni diskutus pli malfrue?

«Ho, mia kor'...», ankaŭ krietas mi tre prave, ĉar nia Zamenhof malaperis kaj ni vivas sen plene respekti lian nomon, sen pasie ami lian memoron, sen kriterie, saĝe, dankeme, helpi omaĝe al lia memoro lian humanan kaj homaman celon.

La FUNDAMENTO estas netuŝenda dum la neoficialigo de la lingvo. La esperantisma popolo tion trudas·

SALDANHA CARREIRA

## REAPERIS LA ESPERANTA ELDONO DE

## LA UNIVERSALA DEKLARACIO DE HOMAJ RAJTOJ

Unue elodinta de UEA kiel aparta broŝuro en 1963, okaze de la 15-a datreveno de la Deklaracio, la Esperanta teksto nun reaperis kiel parta kontribuo de UEA al

# LA INTERNACIA JARO DE HOMAJ RAJTOJ 1968

UEA, kies Statuto mem postulas respekton por la Homaj Rajtoj, nun instigas ĉiujn Esperanto-organizaĵojn same kiel la gazetaron kaj radiostaciojn celebri per specialaj kunvenoj, artikoloj kaj elsendoj tiun datrevenon. Detalaj sugestoj estas troveblaj en la revuo «*Esperanto*», *novembro* 1963, p. 186; ĉefartikolo pri la agado okaze de la Jaro de Homaj Rajtoj 1968 aperas en «*Esperanto*» *de decembro* 1967. Unu aŭ la alian fonton de informoj oni jam ĉi-jare povas uzi okaze de la Tago de Homaj Rajtoj, la 10-a de decembro. Same tiel, jam la 10-an de decembro oni povas distribui la broŝureton de la Universala Deklaracio.

La plano de UEA por 1968 unuavice antaŭvidas intensan esploradon kaj informadon pri la *lingva diskriminacio* en ligo kun la Homaj Rajtoj. La rajto de lingva egaleco estas klare registrita en artikolo 2 de la Universala Deklaracio, kaj en ligo kun tiu rajto oni povas dediĉi apartan atenton al artikoloj 7, 19, 20, 21 kaj 26.

Landaj Esperanto-Asocioj kiuj deziras kvanton de min. po 50 ekz., povas jam nun ricevi ĝin de la jena adreso:

*Eldonejo KOKO, Jyllinge-Roskilde, Danlando*

Ĉiujn aliajn mendojn plenumas La Centra Oficejo de UEA.
Mendante, oni bv. pagi la sendkostojn (por 1 ĝis 25 ekz.: 2 int. resp. kup. — por 26-50 ekz.: 4 resp. kup. — por 51-100 ekz.: 6 rpk. — por 101-200 ekz. 8 rpk.

---

## *Libroservo*

### *Serio ORIENTO - OKCIDENTO*

| | | |
|---|---|---|
| DIA KOMEDIO, Dante (Peterlongo) | 720,— | ptojn. |
| MALSATA ŜTONO, Tagore (Sinha) | 230,— | » |
| RAKONTOJ DE OOGAI, Mori Oogai | 205,— | » |
| LA NAŬZO, Sartre (Bernard) | 234,— | » |
| LA NAŬZO, Sartre (Bernard) bind | 282,— | » |
| KALEVALA, Finna epopeo, tolbindita | 500,— | » |
| KALEVALA, Finna epopeo, kun leda dorso | 700,— | » |
| MARTIN FIERRO, Hernández (Sonnenfeld) | 228,— | » |
| REĜO LEAR, Shakespeare (Kalocsay) | 330,— | » |
| KVIN VIRINOJ DE AMORO, I. Saikaku (Miyamoto) | 260,— | » |
| ORIENTO KAJ OKCIDENTO | 30,— | » |

## ANTAŬEN SAMIDEANOJ!

*M. de Elezcano*

*(Bilbao)*

Kun celo de paco kaj frata konsento
Laboras senlace popolo diversa:
Sopiras komprenon de ĉiu la gento
Per lingvo komuna, kun amo karesa.

Ĝi estas anaro sonĝanta sen revo,
Ke homoj komprenu unu kun alia.
Kaj kune nacioj —sen ia diskrevo—
Frate vivu ĉiuj en rond' familia.

Ni esperantistoj laboras tre flame
Ĝis venko feliĉa de interkompreno;
Ke homoj finfine fariĝu pli ame,
Fratoj kaj amikoj en forta korpremo.

Humila Zamenhof elpensis sen vanto,
La lingvon neŭtralan por ĉiuj facila:
—Mirakla la verko, estas Esperanto!
Por ĝi ni agadas kun amo trankvila.

—Antaŭen do ĉiam! —Ningvidas la Stelo!
La vojo ironta ne estas ebena;
Ni entuziasme iru al la celo,
Kaj la entrepreno ne estos tro ĝena.

—Kun juna vireco kaj kantoj de gloro,
Senhalte ni iru, ni marŝu ĝis fino!
—For la skeptikuloj! Ja nia laboro
Frŭe aŭ malfrŭe, triumfos sen timo.




GRUPO ESPERANTISTA DE BILBAO

*Conmemoración del* 108 *aniversario del nacimiento del Dr· Zamenhof*

Los días 14, 15, 16 y 17 de diciembre se celebraron los actos anunciados para conmemorar el 108 aniversario del nacimiento del Dr. Lázaro Luis Zamenhof, según el programa previamente anunciado.

El día 14 tuvimos un gran reportaje gráfico de nuestro competente asociado don Angel Bolaños Martínez. Pudimos ver diapositivas de diversos Congresos Nacionales (Gijón y Barcelona, principalmente) y experimentar la alegría que supone vernos todos de nuevo y revivir, en parte, aquellos felices momentos, encontrándonos todos más jóvenes, como es natural, y lamentando la desaparición, por ausencia, de varios compañeros queridos.

Siguió a esta exposición sobre los Congresos, una serie de diapositivas en colores, de Bilbao y Vizcaya, que gustó extraordinariamente, quedando todos maravillados de la maestría de don Angel Bolaños para estos menesteres fotográficos.

Y el día de Zamenhof —día 15—, la señorita María Angeles Pinedo, miembro de nuestra Junta Directiva, recitó unas bellas poesías de nuestro veterano asociado don Manuel de Elezcano y Maiztegui, después de la lectura, por nuestro Presidente, de una carta del mismo señor Elezcano, lamentando no poder asistir a estos actos por su delicado estado de salud y dando alentadores consejos a los nuevos alumnos de nuestro Curso 1967-68.

El plato fuerte, diríamos, de este día, fue la brillante conferencia —únicamente en Esperanto— de nuestro asociado y miembro de la L. K. K. para el 53 Congreso Universal de Esperanto, DON JULIO J. JUANES SAINZ, quien fue largamente aplaudido.

El día 16 —sábado— nuestro joven asociado y competente profesor de Esperanto don Delfín Ronda Sánchez, nos habló, con su habitual competencia, sobre: «ENSEÑANZA, PERIODICOS Y OPINIONES SOBRE EL ESPERANTO», que tanto agradó y cuya charla fue motivo de que se prolongase la velada más del tiempo calculado.

Finalmente, el domingo día 17, tuvimos una Misa rezada en la Santa Iglesia Basílica Catedral del Señor Santiago y, a su terminación, nos reunimos todos en los locales del Grupo Esperantista, en donde también se presentó doña Carmen de Allende, hija de nuestro eximio samideano don Víctor Olegario de Allende, miembro que fue de la Academia de Esperanto, Ingeniero-Jefe de Caminos de Vizcaya y gran paladín del Esperanto en nuestra provincia y otras cercanas.

Doña Carmen de Allende vino acompañada de su esposo, señor Gorbea, y nos ofreció, como donativo, una serie de libros de la Biblioteca de su señor padre, los cuales fueron traídos, ya de víspera, a los locales de nuestro Grupo, por el miembro de nuestra Junta Directiva don Pedro de Icaza y Gangoiti, quien muy amablemente se prestó a hacernos este servicio. Estos libros serán cuidadosamente examinados y catalogados por nuestro veterano bibliotecario y gran esperantista don José Santamaría Neira.

Nuestro Presidente, con palabra fácil y adecuada, pero también emocionada, dio las gracias a la señora hija de don Víctor, haciendo una breve glosa de la vida esperantista de su señor padre, de su carácter bondadoso, afable, servicial y de su gran camaradería y espíritu democrático, contándonos su comportamiento en diversas circunstancias de la vida. No tenía —nos dijo— el finado don Víctor el menor empacho en saludar, en las calles de Bilbao, a cualquier esperntista, por humilde o mal trajeado que fuese, y solicitaba, en muchas ocasiones, la compañía de algún samideano, cuyas ocupaciones se lo permitiesen, cuando iba a hacer viajes de inspección por las carreteras de Vizcaya. En los viajes le acompañaba, con alguna frecuencia, nuestro veterano samideano y notable poeta señor Elezcano y, durante los mismos, siempre se hablaba UNICAMENTE EN ESPERANTO.

A continuación de las palabas de nuestro señor Presidente, la ya muy conocida y laureada «Polifónica Euskalduna», nos deleitó con la ejecución de su variado programa, que copiamos: «ESPAÑA» (de Iradier); «DANZAS MONTAÑESAS» (Gorostiaga); «LUZ Y SOMBRA» (Vals francés); «REGRESO DE LAS GOLONDRINAS» (Musette); «CANCIONES EN ESPERANTO» (arreglo musical de la Directora, doña Julia García de Diego) y, finalmente, el HIMNO ESPERANTISTA, el cual fue entusiásticamente cantado, de pie, por todos los asociados asistentes.

Para terminar los actos, fue ofrecido por el señor Presidente un vino español, que tuvo gran aceptación entre todos los reunidos.

No queremos terminar esta breve crónica sin dar las más expresivas gracias a la Directora de la Polifónica Euskalduna, doña Julia García de Diego, así como a las bellas señoritas y simpáticos jóvenes componentes de la renombrada Agrupación Musical.

A última hora nos enteramos de que algunos «pillines» (en número de DIEZ), se reunieron en fratenal banquete para celebrar el día de Zamenhof, pero esto a nadie vamos a decírselo.

*ĈEESTINTO*

✢

VALENCIA

«La valencia Esperantista Grupo celebris la Zamenhofan tagon per diversaj aktoj, kiuj pruvis la samideanecon kaj la kolektivan spiriton de la esperantistoj de la Turia urbo.

La dekkvinan vespere, okazis, en la klaso de Esperanto, leciono por emfazi la veran signifon de la elpenso de Esperanto, kaj la virtajn kvalitojn de Dro· Zamenhof: homo, kuracisto kaj lingvisto sen paro.

La deksesan vespere, en centra restoracio, sesdeko da geesperantistoj kaj simpatiantoj, celebris, en frata kunmanĝado, la memorindan daton; ĉe la fino, sam. Devís, estrarano de H. E. F., faris, bonstile, belan paroladon. Dro. Herrero klarigis, hispanlingve, por la invititoj, la kialon de la kunveno, kaj dediĉis la honorigon al la malnova kaj ekzemploplena sam. Emilio Verdú, daŭra propagandisto kaj instruisto, kiu iros al la venonta kongreso en Madrido, stipendiita de la grupo, pro liaj meritoj kaj entuziasmo por Esperanto.

La deksepan matene, la katolikaj esperantistoj ĉeestis la kutiman ĉidatan diservon, dum kiu, pastro Clemente, nuna kaplano de la grupo, faris belan, adekvatan sermonon, kaj la lernantoj de Prof. Felikso Navarro, en esperantista ĥoro, kantis diversajn periodojn de la meso, esperantlingve.

La festo finiĝis per la kronado de la steleo de Dro. Zamenhof, kiu ornamas kaj titolas tiesnoman straton. La ĥoranoj kantis «La Espero-n» kaj, plejparte de la ĉeestantoj sin turnis sekve al la tombejo, por fari la kutiman viziton al la karaj mortintoj kies steleo disingiĝas per verda: Ludoviko Hernández, Fernando kaj Conchita Soler, Emilio Prades...

Tiel finiĝis la festado de la Zamenhofa tago, kiu, pro laboraj cirkonstancoj, disvolviĝis laŭlonge de pli ol sepdek horoj...»

*CIRANO*

✢

FESTO OKAZE DE LA 108 NASKIĜDATREVENO DE DOKTORO ZAMENHOF

Kun la jam kutima entusiasmo la Esperanto Grupo «Fido kaj Espero», celebris la ĉijaran feston omaĝe al Dro. Zamenhof, kreinto de Esperanto.

La Sabato 16 je la 8 horo en nia sidejo, bele ornamita okaze Kristnasko, Samideano Gil Contreras, Profesoro de la Supera Kurso, prelegis esperantlingve pri la temo «Anima Krizo de Dro. Zamenhof». La oratoro prezentita per mallongaj vortoj

(continúa en la página siguiente)

de Sano· Gamboa kaj Sánchez, Vicprezidanto de la Grupo, klarigis al 20 gepartoprenantoj, la motivojn, ĉefe animajn, por kiuj Dro. Zamenhof kreis la internacian Lingvon. Tondraj aplaudoj sigelis la lastajn vortojn de Sno. Gil Contreras.

Antaŭ kaj post la prelego de Sno. Gil Contreras, oni aŭdis diskojn kun esperantlingvajn kantojn, inter ili la Universitata Himno kaj «Se mi havus martelon» kantata de «Duo Espera».

La 17-an dimanco, ĉiuj gesamideanoj partoprenis en Sankta Meso, en la Preĝejo de la «R.M.M. Reparadoras» celebrata de Pastro Jonás Castro (I.K.U.E. ano) kiu en sia prediko menciis kaj reliefigis la fratecon kaj la unuiĝon kiu ekzistas inter geesperantistoj. Je la eliro oni faris kun la bela flago de la Grupo, komunan foton.

Poste en la Grupo, oni gustumis aperitivon. Fine 25 gesamideanoj partoprenis fratan bankedon okazinta en grava kaj nova Restoracio, kie je la fino parolis hispane kaj esperante diversaj ĉeestantoj. Tiel la Valladolida Grupo celebris la feston de tiu-ĉi jaro·

*L. HERNANDEZ*

✡

## FESTO DE ZAMENHOF

### ZARAGOZA

Ne nur pro tradicio, sed ankaŭ pro vera amo, la loka grupo FRATECO kaj ĉiuj geesperantistoj el Zaragoza, rememoris kaj festis la 108-an datrevenon de la naskiĝo de D-ro. Zamenhof.

La 15-an de decembro vespere, en la klubo FRATECO, oni aŭdadis esperantajn diskojn kaj paroladetojn de la klubanoj, kiuj amuziĝis rememorante nian karan Majstron kaj lian fratecan «ideon».

La 17-an, en la solena kadro de la «Institución Fernando el Católico», Provinca Palaco, D-ro. Sancho-Izquierdo prelegis pri la temo «Mirando hacia atrás y hacia adelante».

Nia Prezidanto komencis per memorigaj vortoj dediĉitaj al la fondintoj de FRATECO. La ĉijara prelego de D-ro Sancho-Izquierdo okaze de la Zamenhoftago, estis pli... simpatia babilado ol impona parolado. Pere de liaj vortoj ni ĉiuj «vidis» la tiaman junulon, kiu iluzie petis permeson al sia patro, por partopreni la 5-an U. K-on. de Esperanto en Barcelona. Tie, li kontaktiĝis kun la tiutempaj samideanoj kaj persone konis D-ron Zamenhof. Li montris al ni la Kongreslibron kun la subskriboj de elstaraj esperantistoj, kaj li komparis la tiaman revoplenan junulon kun la nuntempa maturega homo, ne malpli iluzia, kvankam pli maljuna· Post rakonti al ni travivaĵojn de lia esperantista vivo, D-ro. Sancho-Izquierdo parolis al ni pri siaj esperoj. Li diris, ke spite siaj bonegaj kunlaborantoj, la laboro por organizi Universalan Kongreson en Madrid estas streba kaj malfacila; sed li multe fidas al ĉiuj L. K. K.-anoj kaj esperas ke ĉiuj kune, solvos la malfacilaĵojn kaj sukcesos en la laboro. Li ankaŭ informis al ni pri ĉiu tiu prepara laboro, kaj kore dankis al nia Nacia Registaro ĝian helpon kaj grandan dediĉemon al la Kongreso.

Profitante la okazon, ke F-ino. Inés Gastón ne ĉeestis inter ni, ĉar ŝi pro la kongreslaboro restis en Madrid, D-ro. Sancho-Izquierdo rakontis al ni anekdoton okazinta dum la Kongreso en Varsovio, kie dank' al ĉi tiu kara samideanino, la hispanaj geesperantistoj povis meti floran-kronon sur la tombon de Dro. Zamenhof. Li parolis ankaŭ pri ŝia silenta kaj sendanka laboro, kiu foje donas al ŝi nur malagrablaĵojn.

Nia Prezidanto finis sian disertacion, dirante ke kvankam li jam ne estas la tiama junulo, li ankoraŭ fidas al siaj fortoj, kaj precipe li fidas al siaj kunlaborantoj.

Per sincera aplaŭdado la ĉeestantoj dankis a D-ro. Sancho-Izquierdo lian disertacion.

Je la deka kaj duono, kuniĝis por vespermanĝi, frate kaj amike, la geesperantistoj, kiuj en la restoracio finigis la feston per esperantaj vortoj de amo kaj espero.

*J. ANDRES*



# La Esperanza

*Himno Esperantista*
*«En la mondon venis nova sento*
*Tra la mondo iras forta voko»*
*Zamenhof.*

Vino al mundo un nuevo sentimiento
Su llamada cruza tierra y mares
Y en las alas rápidas del viento
Vuela ya por todos los lugares.

Sin terror ni espada, cada día,
Va atrayendo a todo el que le escucha
Y promete, fácil armonía,
A la tierra eternamente en lucha.

Bajo el astro, «signo de esperanza»
Unense pacíficos soldados,
Y con brío su ideal avanza
Por impulso de sus afiliados.

Fuertes son los muros seculares
Entre tantos pueblos divididos
Mas caerán deshechos sus sillares
Por amores rectos combatidos.

Una lengua neutra es el cimiento
Una idea interna lo esencial
Bases ambas de este movimiento
De armonía internacional.

Nunca cesan fieles a su empeño
Los colegas firmes en su acción
Mientras llega a término su ensueño
Para eterna y santa bendición.

CARMEN ALLENDE

# La Akvo-Tribunalo



Juĝantaro

En Valencio, ĉefurbo de la samnoma orient-mediteranea hispana regiono, funkcias, de antaŭ mil jaroj, tribunalo starigita por administri justecon laŭ la bonaj ordo kaj distribuado de la irigaci-akvo deprenata de la rivero Turia. Tiu ĵurio estas, eble, unika en la mondo, pro sia perfekta kaj tipa celkaraktero, kaj pro sia supera kaj nekontestebla ordonpovo, kiu de ĉiam estis, kaj ankoraŭ estas, plene respektata. Tiu juĝantaro konsistas el ok terposedantaj kamparanoj, kiuj ĉiuĵaŭde kunvenas, ĝuste je tagmezo, antaŭ ia gotika katedralportalo. Ili sin vestas per nigra farmista kitelo, kiu, kurioze, taŭgas kiel talaro. Ili sidas sur vicigitaj brakseĝoj, kaj uzas kiel oficialan lingvon nur la valencian —karakteroplenan variaĵon de la kataluna. Tra ĉirkaŭkrado, observantoj kaj scivolemuloj, inter ili multaj turistoj, atente povas observi la disvolviĝon de la ĉiusemajna kunsido.

La Prezidanto de la ĵurio malfermas la sesión per jenaj vortoj: «S'obri el Tribunal» (La Tribunalo malfermiĝu). Tiam, pedelo kapvestita per galonita kaskedo alvokas unu post la alia ĉiun reprezentanton de la ok diversaj irigacikanaloj, por ke ĉiu el ili povu sciigi ĉu la koncernato deziras informi, denunci aŭ plendi pri faktoj aŭ simpla malatentado de iu pri la bona irigaci-ordo, aŭ pri iu ajn, laŭ sia vidpunkto, justa kaŭzo. Ĉiu plendanto aŭ pledanto devas stariĝi antaŭ la konsilantaro, nudkape kaj silentante; oni nur povas ekparoli laŭ indiko aŭ permeso de la Prezidanto; kaj se iu ne premumas la ordonojn laŭ la kutima korekta sintenado, tiu riskas pagi monpunon. Estas ankaŭ menciinde, ke absolute nenio estas skribita dum tiuj sesioj, kaj ke la verdikto, estas nepre plenumenda ĝis plej eta detalo, ĉar neplenumo de la tribunaldecido, povus pligrandigi la punon, kaj konsekvence, la akuzito povus eĉ resti senrajtigita priverŝi siajn kampojn.

Tiu juĝantaro funkcias nur por la perfekta administrado de la akvo, ĉar tiu grava elemento estas nepre necesa por la prospera ekonomia disvolviĝo de multaj miloj da personoj kaj ankaŭ parto de la enlanda ekonomio hispana.

Eksterordinare grava estas la reto de kanaletoj, per kiuj oni distribuas la akvon profitplene: tial, ne strange, oni ofte povas misuzi la rajton de irigaciado kaj malbone observi la vicon donitan. Eĉ la Prezidanto de la Tribunalo povas esti dununcita kaj devigita pagi monpunon, aŭ submetiĝi al verdikto: tiel okazis, ekzemple, la jaron 1946-a al la tiama Prezidanto, ĉar oni konsideris lin kulpa je neglektado.

La jaron 1960-a, oni festis la miljaran datrevenon de la kreado de tiu historia kaj modela institucio. Oni supozas ke ĝi estis jam iel funkciantan dum la roma epoko; sed vere estis la araboj, dum regado de Abderaman la III-a kaj de lia filo Alhaken la II-a, ĉirkaŭ la jaro 960-a

de nia erao, kiuj funkciigis ĝin plej efike, preskaŭ kiel nuntempe. Kiam la aragona-kataluna reĝo Jacobo la I-a konkeris Valencion el la povo de la maŭroj, li sankciis kaj konfirmis la aŭtoritatecon de tiu admirinda Tribunalo; kaj tiel, ĝisvivante, ĝi atingis la XX-an jarcenton.

De tiam multaj politikaj reĝimoj entroniĝis en Hispanujo, sed ĉiu, senescepte, respektis tiun gloran instancon. Eĉ Filipo la IV-a, kiu nuligis la politikajn privilegiojn de Valencio, respektis la aŭtonomecon de la Akvo-Tribunalo, kies prestiĝo, en nia nuna epoko, konsilis al organizaĵojn de Sud-Ameriko, Usono, Rusujo, Italujo, Francujo, Sud-Afriko, Aŭstralio, ktp., pristudi ĝian funkciadon.

Malgraŭ la miljara ekzistado de tiu famega institucio, neniam io estis skribita, kiel dirite, rilate oficialan reguleron kaj decidojn de la Tribunalo. Ĉio, seninterrompe, plenumiĝis ĉiam laŭ plej perfektaj juristaj kaj demokratecaj ordo kaj aŭtoritateco.

GABRIEL MORA ARANA

## CLUB DE ESPERANTO

# ANDRES MA. OLIVA Y CUEVAS

## CIEGO DE AVILA (Cuba)



Dua maldekstre Sro. Pedro Pablo Lamas - Prezidanto del'Grupo

Niaj gesamideanoj el Kubo intense kaj efike laboras por Esperanto, ni tion povas konstati ĉar la nombro da interesiĝantoj pri Esperanto kiuj skribas al H. E. F. por peti informojn, konstante kreskas.

La Grupo de Ciego de Avila, kiun ni spirite konsideras inter «Niaj Grupoj», bone laboras. La fotisto surprizigis aron da legantoj en aŭlo Esperanto, kaj la Grupo afable dediĉis foton al H. E. F.

## *Ni legis por vi...*

*VESPERKANTO, originala poemaro de Hendrik Adamson ,kun antaŭparolo de Hilda Dresen,* 132 *paĝoj. Eldonis STAFETO.*

Nia brava Juan Régulo prezentas al ni sian 59-an volumon! Ĝuinda kolekto de nelongaj, koncizaj poemoj en flua, klara, korekta lingvo, sen preseraroj. El tiuj poemoj, multaj havas sentencan kernon. Nenie la aŭtoro tordis la gramatikon nek la stilon pro la poezibezono; kontraŭe, poemoj kiel Melkantino, p 28, sonas tiel nature, kvazaŭ la vortoj estus faritaj por ĝi Alifoje la versoj estas spontanaj, kiel Nokturno, p 74, aŭ ili bele rimas en si kiel en LUNLUMA, p 71: «Ni infane, man-en-mane...» «Ombroj sombraj, kvazaŭtombaj...»

Adamson foje helpas sin per nefajnaj rimoj, kiel Alabastroj-astroj, lapo-trabo, buĉis-kuŝis, sukceno-rubenoj, k.a. sen granda perdo de l' rima melodio; tamen, en la enkonduka poemeto, p 17, kaj Sub Noktflugiloj, p 30, ŝokas min la plurfoja ritmo kontraŭ la vortakcento: pri ĝojo kaj malĝoj'

*apŭd* la fremda voj';
ĉi-tiun mi imitus
*mià* liut' ne spitus.
Sed ĉesu la mokrido
mi, malgraŭ malsukces'
*estàs* Prometeido
*fajró* portanto, jes.
ié, mildé, ilí, ĉiu.

Ĝuste en la poemo Printempo, p 22, troviĝas la vorto Primavero. Malprave. Aŭ tiu, aŭ tiu-ĉi; sed ne ambaŭ! Aliloke, mankas du silaboj, Blindulo,, p 88: Al helo malhela de l' sun'

li ŝajnas tondr()i () nun. 2a strofo); aŭ vortoj ne okupas sian lokon, Cindroj, p 78: florojn formanĝis la flam' .. tiu ĝin forgesis jam, anstataŭ: tiu forgesis ĝin jam; aŭ unu vorto glitis al supra linio, p 30:

ĝi estas trairebla (*singarde*)

(...) kaj sen bru'.

Mi trovas bonvena la radikan uzon de l' prepozicio TRA p 38:

«plafonon traas lumradi», la esprimon «hihias, hahaas harpio» p 121 kaj «zumzume», p. 120. El la ankoraŭ nebula tabelo de interjekcioj, Adamson uzas tri: Aĥ, Hej, Huŝ.

Mi gratulas Sron Juan Régulo, ĉar li diskonigis tra la mondo la kortuŝajn sentojn de homo, kiu vidante la rapidan alproksimiĝon de la Morto, skribis tiel belajn poemojn en nia lingvo:

Baldaŭ mi ekvojaĝos
al la land' de l' Silent'
kun la papago en kaĝo
kaj sendenta serpent'

**SALVADOR GUMA**

---

*Brilo de Fantomo* — ***Esperanta originalo de Margid Thoraeus-Ekström. Dansk Esperanto-Forlag.*** **A B Y H Ø J . 1967.** 72 paĝ. 21 x 15 cm.

**Brilo de Fantomo estas, plejparte, poezia prozo, en kiu la aŭtorino, per fluanta stilo, verŝas siajn pli intimajn sentumaĵojn, kiaj ajn fantaziajn ili estu, sed, surbaze de personoj pli malpli imagaj, kies farojn, bonajn, malbonajn aŭ indiferentajn, oni povas trovi ĉiutage.**

**Kvar generaciojn de sama familio tuŝas la romano kaj oni mense rigardas la diversajn reagojn de liaj roluloj, laŭ temperamento kaj influo de la loka kaj tempa medio sub kiuj ili troviĝas.**

**Ne, ĝi ne estas rakonto pri fantomoj, kiel la titolo kredigas, kvankam en la kamparo ili impresas sur la spiritojn de ties enloĝantoj, pli intense ol veraj vivantaj estaĵoj. Ĝi estas rakonto pri la homa vivo, produkto de observemo en revanta intelekto de persono kiu vidis multon.**

**Vere, kiel diras la eldonisto, oni ne enuos legante Brilon de Fantomo.**

**Kelkfoje, oni trovas malgravajn preseraretojn kaj, nur laŭ literatura vidpunkto, ankaŭ dubesencajn frazojn ĉe la 34a paĝo, 9a kaj 10a linioj.**

**J. DEVIS**

---

100 *JAROJ DE SLOVAKA GIMNAZIO, MARTIN* 1867-1967. — **Renatino** Vongrej, trad. D-ro. Ludoviko Izak. Eldonis Meza Ĝeneralkleriga Lernejo en Martin, Ĉekoslovakujo.

Tre interesa kaj bele prezentita estas tiu broŝuro eldonita de la Meza Ĝeneralkleriga Lernejo en Martin, kiel propagando al la jubileo.

De la «Historia Enkonduko» ĝis la «Centjara Historio kaj la Estanteco», ĉio estas interesa; la grafika parto estas kiel viva elmontro de la evoluo de la urbo.

Gratulon al la urbo MARTIN.

*ESPERANTISTA KULTURA FESTIVALO OPAVA* 1967. — Kultura broŝuro, eldonis Domo de Kulturo kaj Klerigo de Opava Ĉekoslovakujo.

El ses artikoletoj kaj poezio OPAVA de Bezruĉ, trad. de T. Pumpr, konsistas ĉi tiu kultura broŝuro eldonita okaze de la Esperantista Kultura Festivalo okazinta en Opava pasintjare, kaj kiun ĉiuj partoprenintoj de la festivalo ricevis kiel specialan «festivalan broŝuron».

Bela memoraĵo de plensukcesa kultura festivalo.

*GEPATRA BULTENO.* — Eldonas kaj redaktas Derrick P. Faux sub la aŭspicio de Universala Esperanto Asocio Nova kvaronjara serio. Prezo 14 steloj aŭ egalvaloro.

*VOJAĜIMPRESOJ DE EGIPTO TRA EŬROPO KAJ AZIO PER ESPERANTO.* — D-ro. Nassif Isaac. Broŝuro 64 paĝa ilustrita. Prezo 5 int. resp. kup. Mendoj ĉe U.E.A.

Recenzanto esprimas nur sian propran opinion pri la verkoj al li afable submetitaj de la aŭtoroj aŭ eldonistoj. Du ekzempleroj de la koncerna verko rajtos recenzon; unu, mencion.



## TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO TEJO

NEJO-KOMISIONO: J. M. Liouville, 6 rue Léon Vaudoyer, Paris 7

Kara amiko (amikino):

Kiel vi scias, la esperanto-kursoj okazintaj ĉi-somere en la Muelejo de Piot (Francio) estis sukcesaj.

Ĉar ni planas pliampleksigi nian agadon sekvont-jare, ni petas vian afablan kunlaboron kiel instruanto, helpanto aŭ amuzanto.

Instruantoj havu jam esperantan diplomon aŭ praktikan scion pri instruado, prefere per rekta metodo· Helpontoj kaj amuzontoj havu nur elementan scion pri esperanto, kaj amuz-kapablon pri kantoj, ludoj, teatraĵetoj, prefere sed ne necese kunportu muzikinstrumenton.

Jam nun necesas prepari la kursojn por 1968. Se vi ŝatas vivi en amika etoso sed en primitivaj loĝkondiĉoj, se vi povas instrui aŭ amuzigi gejunulojn per gitaro, ludoj, kantoj, aŭ se vi ne jam povas tion sed volas lerni instruadon, se vi povas liberigi vin dum almenaŭ du Semajnoj somere 1968... vi estos entuziasmigitaj pri tiu-ĉi laboro!

Estas antaŭvideble, ke vi ne jam povas certigi vian kunlaboron sed bonvolu tamen informi nin provizore, ĉu vi *verŝajne, eble, aŭ tute ne* partoprenos en la kursoj.

Kompreneble mi restas je via dispono por plia informo.

Antaŭdankante vin pro via afabla reespondo, mi sendas koran saluton.

*J. M. LIOUVILLE*

# KIRLOENIGMO




Ĉirkaŭ la nombroj enskribu laŭ movo de horloĝmontriloj 18 kvinliterajn vortojn pri la subaj signifoj. Komencoj de la vortoj estas signitaj. Literoj ĉirkaŭ la mezo donos 18-literan aldonan solvon.

HELPVORTOJ:

1. Senti malagrablan konfuziĝon kaj humiliĝon pro konscio je malhonoraĵo. 2. Esti lokita rilate al la ĉirkaŭaj objektoj. — 3. Tuto de la konsciaj kaj no konsciaj spiritaj fortoj. — 4. Teksaĵo el lano uzata por vestoj· — 5. Grupo, societo. — 6. Produkti idon parolante pri ino. — 7. Sankta bildo, pentraĵo kiun la ortodoksuloj honoras per kulto. — 8. Konstruo ebliganta trairon de rivero. — 9. Pola kaj bohema danco. — 10. En ŝakludo movi samtempe unu el la turoj kaj la reĝon. — 11. Malriĉa, kompatinda. — 12. Fari arkforman plafonon konsistantan el ŝtonoj, kiuj apogas sin unu sur la aliaj. — 13· Nomo de la duoninsulo sur kiu troviĝas Hispanio kaj Portugalio. — 14. Tria monato de la jaro. — 15. Perdi la vivon. — 16. Trudi al iu laboron, servon, kiu devas esti farita dum difinita tempo. — 17. Ĉiu el la du simetriaj partoj de la korpo, ekstere elstarantaj, kie la femuro estas kunligita kun la trunko. — 18. Pilka ludo, ĉe kiu la pilko estas puŝata kaj batata per specialaj kurbobastonoj.

prilaboris: «EDULO — Wroclaw



## DONATIVOS PARA BOLETIN 1967

Suma anterior . . . 3.7ı3

Esp. Klubo Payá — Mislata — 307

**Ana María, 10; Vicentita, 5; Lolita, 5; Angelines, 5; Chaves, 5; Milagros, 5; Josefa, 5; Encarnita, 5; Mari Carmen, 5; Catalá, 5; Angelet, 5; Blasco, 5; Julio, 5; Terol, 5; Críspulo, 5; Reig, 5; Ruiz, 5; Santos, 5; Félix, 10; Ruz, 1ı; Albero, 5; Maroto, 5; Pagenal, 5; Lozano, 5; Vilaplana, 15; Vicente, 5; Tonet, 10; Forés, 10; Forés (elec.), 5; Alfredo, 5; Leopoldo, 5; Joel, 5; Serigola, 5; Roque, 5; Meteu, 10 Alcantarilla, 6; Domenech, 5; Donate, 6; Torregrosa, 5; Juanito, 5; Pomares, 5; Jacinto, 5; Enriquito, 10; Modesto, 15; Roberto, 30.**

| | | |
|---|---|---|
| J. M.ª Serés | Cervera | 150 |
| J. Hutesa | Sabadell | 125 |
| E. Herrera | Bilbao | 100 |
| S. Arnella | Parets del Vallés | 1.000 |
| S. Carreira | Portugal | 162 |
| A. Marca | Zaragoza | 50 |
| J. Arroyo | Cartagena | 50 |
| E. Pérez | Zaragoza | 10 |
| M. Ortigoza | Zaragoza | 10 |
| A. Enríquez de Salamanca | Rus | 100 |
| C. Cienfuegos | Mieres | 100 |
| | Suma . . . | 5.877 |



27-7 - 3-8 1968 — TARRAGONA

Karaj gesamideanoj:

Feliĉe la L.K.K. de nia 24-a I.J.K. de T.E.J.O. jam finigis sian preparlaboron kaj estas preta akcepti vin en la mirinda Laboreja Universitato de Tarragona. Nia kongresejo vere estos taŭga kaj mirinda ejo por nia jara Internacia Kongreso, ĉar ĝia bona situacio apud la marbordo, ĝia moderna kaj ampleksa konstruaĵo kaj ĝia stariĝo inter la famaj somerrestadejoj de Salou, Cambrils, Tarragona, kaj Torredembarra, permesos al la kongresanoj, ĝui ĉiutage, ĉiumomente, belan pejzaĝon, brilan kaj varman sunon, karesajn marajn ondojn kaj bongustajn manĝaĵojn.

La programo estos amuza kaj interesa ĉar ni kombinos la laborkunsidojn, prelegojn kaj oficialajn vizitojn paralele kun ekskursoj, balo, sporta ĉampioneco, futbalo, naĝado, k.c. Pro tio ni certigas vin ke via ĉeestado estos rememorigita de vi, dum via vivo.

Nova aranĝo en la 24-a I.J.K. de T.E.J.O. estos la inaŭguro de la «H.E.F. JUNULARA RESTADEJO ESPERANTISTA H.E.J.S.» en Monistrol de Montserrat, organizita kaj parte konstruita de la H.E.J.S.-membroj La menciita ejo estos je la dispono kaj uzado de ĉiuj esperantisto. Post la inaŭguro oni vizitos la mondfaman montaron Montserrat en kiu staras Baziliko enhavanta multvalorajn trezorojn kaj aliajn mirindajn literaturaĵojn.

Akceptu la plej sinceran saluton de la

LOKA KONGRESA KOMITATO

*Konstanta adreso*:

S-ro. Salvador Aragay, str. Arce 8-2-4, CORNELLA (Barcelona)

HISPANUJO

## deziras korespondi...

NOVA-ZELANDO. — Auckland, 10. Birkdale, 5 Hayman Street. F-ino. Anna Maria Granger, 12-jaraĝa knabino, deziras korespondi kun hispana samaĝulino.

POLLANDO. — Wroclaw, I Liceo G, ul Poniatovski 9, S-ro. Leĥ Pilĥ, 16-jaraĝa deziras korespondi kun hispanaj geesperantistoj.

POLLANDO. — Wroclaw-17, str. Dubois 3, Vroclava Esperanto Klubo, 400-membra ĉiumonate aranĝas letervesperon. Multaj el ĝiaj membroj deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.




# 53a Universala Kongreso de Esperanto

Okazonta en Madrid de la 3a ĝis la 10a, VIII, 1968
Sub la Alta Protektado de Lia Ekscelenca Moŝto
Ĉefgeneralo Franco, Ŝtatestro de Hispanujo

Konstanta adreso:
Nieuwe Binnenweg 176
ROTTERDAM - 2 (Nederlando)

Poŝtkesto 19039
MADRID (Hispanujo)

## Ĝeneralaj Informoj

ALIĜOJ:

La aliĝantoj sendu la aliĝilon kaj la koncernan pagon al la sama adreso (ne, ekz., la aliĝilon al Peranto kaj la pagon al la adreso de la Kongreso, aŭ inverse)· *La aliĝiloj devas esti klare skribitaj, por ke la mencio en la Kongresa Libro estu senerara.*

KIEL PAGI:

1. Pere de la Oficialaj Perantoj de la Kongreso, kies listo aperas en la unua bulteno.
2. Rekte al la konstanta adreso de la U.K. (Poŝtĉekkonto N. 627337 *aŭ* Amsterdam-Rotterdam Bank, Rotterdam. Konto no. 690.144.)
3. *Hispanaj aliĝantoj* povas sendi la aliĝilon al: 53-a Universala Kongreso de Esperanto, Poŝtkesto Nr. 19039, Madrid —kaj la koncernan kotizon al: Banko Bilbao, Agencia -0-15, Avno. General Mola 267, Madrid-16, je la nomo de 53-a Esperanto-Kongreso, Konto N. 3.472.

KOTIZO:

La kotizo inkluzivas la tutan programon de la Kongreso, escepte de la ekskursoj kaj bankedo, kaj la **rajton** utiligi la Loĝigan Servon de la Kongreso· La kotizo devas esti antaŭpagita, kaj ne estas repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenos en la Kongreso. Persono kiu pagas la aliĝkotizon por alia, antaŭvidu tion.

Neniu aliĝilo estos traktita antaŭ ricevo de la koncerna pago.

RABATOJ:

1. Individua membro de U.E.A., kiu ricevas la Jarlibron kaj la Revuon «Esperanto», *rajtas rabaton de* 20,— *ned. gld.* (330,— *pes.*);
2. Individua membro de U.E.A., kiu ricevas nur la Jarlibron, *rajtas rabaton de* 10,— *ned. gld.* (165,— *pes.*);
3. Edz(in)o de individua membro (de ambaŭ kategorioj) *rajtas rabaton de* 5,— *ned. gld.* (82,50 *pes.*).

La rabatoj ne validas por aliaj familianoj, gejunuloj, studentoj, blinduloj.

N. B.

Kongresano (ne edz-in-o kaj alia kategorio), kiu pagas la plenan kotizon, *ricevas la Revuon «Esperanto» dum la tuta kongresa jaro.*

DONACOJ:

La donacoj montras la solidarecon de la esperantistoj.

Oni povas sendi donacojn por la jenaj celoj:

*Literatura Kaso*: Ĝi kontribuas al la valoro de la premioj por la Belarta Konkurso.

*Blindula Kaso*: Ĝin utiligas la Blindula Kongreso.

*Adopta Kaso*: Per ĝi estas helpataj esperantistoj en landoj, kie la transsendo de mono estas malfacila aŭ malpermesita.

*Adoptaj Gepatroj*: Per tiu ĉi Fondaĵo estas helpataj infanoj, kiuj alimaniere ne povus partopreni en la Infana Kongreseto. La minimuma kontribuo estas 30,— ned. gld.

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

L. D. 53 Z-7-63.